# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 1.81

**HES-klubejo:** Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
**Informilo-redaktado:** Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
**HES-sekretario:** Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
**Konto de HES:** 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

Nia programo (ĉiuj kunvenoj ĵaŭde ekde la 19h00)

januaro 1981:

15-a: Werner Bormann prelegos pri la ekonomiaj problemoj de la Tria Mondo.
22-a: Beate Pogoda informos nin pri la Esperanto-movado en Leipzig.
29-a: Werner Bernhardt montros lumbildojn pri la Karibiko kaj Novjorko.

februaro 1981:

5-a: Sub la gvido de Peter Weide ni okupiĝos pri la 6-a paŝo al plena posedo (de la lingvo Esperanto).
12-a: J a r ĉ e f k u n v e n o
19-a: Anneliese Bepperling donos al ni impreson pri la franca artisto Toulouse-Lautrec.
26-a: senkunvena pro proksimeco al festo
28-a (sabato): Kostumfesto! Bonvolu veni en amuzaj kaj strangaj vestoj!

marto 1981:

5-a: Werner Bormann raportos pri lingvoscienca renkontiĝo okazinta pasintan novembron en Paderborn ("Werkstattgespräch")
12-a: Johann Eitmann prezentos al ni kelkajn novajn librojn el nia ampleksa biblioteko.
19-a: Ni diskutos pri okazintaĵoj el la pasinta monato.
26-a: Thomas Bormann rakontos pri karnavala renkontiĝo en Ramsgate (Britio) en marto 1981.

aprilo 1981:

2-a: Luisa Hoffmann informos nin, kio estas la "Kultura Centro Esperantista" en La Chaux-de-Fonds, Svislando.

## Jarĉefkunveno

Jen ni formale invitas al la laŭorda jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo 1981. Ĝi okazos en nia klubejo la 12-an de februaro 1981 ekde la 19-a horo. Bonvolu veni multnombre! Grava ero de la tagordo estas elekto de nova estraro, kiu oficos ĝis februaro 1983. Krome troviĝas sur la tagordo: estrara raporto, kasraporto, raporto de la revizoroj, senŝarĝigo de la ĝisnuna estraro, buĝeto, novelektoj de konsilantaro kaj revizoroj, kaj ĉiuj proponoj, kiujn vi ĝustatempe (=ĝis 31.1.) venigas al la sekretario de HES (en skriba formo). La estraro

## Gratuloj

Nome de la klubo ni sincere gratulas al:

- s-ino Marie L a a d e, kiu la 3-an de januaro 1981 festis sian 80-jariĝon en Berlino. S-ino Laade jam ofte vizitis nian klubon kaj valore subtenas nin.
- s-ino Gretel Z e r b e, kiu la 5-an de januaro festis la saman jubileon. Ni gratulas pro la 80-a reveno de la naskiĝdato kaj dankas pro la longjara protokolado en niaj ĵaŭdaj kunvenoj.
- s-ino Friedel K o g e l, kiu la 3-an de marto festos sian 70-an datrevenon de la naskiĝtago. S-ino Kogel invitas la klubanojn festi kun ŝi la 7-an de marto 1981 ekde la 17-a horo en nia klubejo.

## Estrarkunsido

Estraranoj memoru la estrarkunsidon kaj venu al ĝi: 22-a de januaro 1981, 18h30!

## Keglado

Keglo-amikoj renkontiĝas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Lübscher Baum", Lübecker Str. 133, 2000 HH 76. Venontaj datoj: 30.1.;27.2.;27.3. .

---

Pasintinformile vi ekscias la adreson de nia prezidanto. Havu jen ŝian novan kaj praan nomon: (Sinjorino doktoro) Vesna Staničić

# JUNULARA INFORMILO

Kunvenoj okazas ĉiun mardon en la HES-klubejo.
- diversaj kursoj de la 19h00 ĝis 20h30
- teatra grupo ekde la 20h30 ĉiun 1-an kaj 3-an mardon en la kelo de la klubejo
- programo (vidu sube)

---

13.1.: Ni pridiskutos nian agadon en 1981!
20.1.: I n f o r m a  v e s p e r o  kun prov-leciono! Sendu ĉiujn interesitojn tien! Ankaŭ videblos lumbildoj.
27.1.: Gerald kaj Thomas informos pri Germana Esperanto-Junularo (GEJ).
3.2.: (teatro) Lingvaj ludoj.
10.2.: Ni diskutos pri Homaj Rajtoj, specife en Meksikio kaj Brazilo. El tiu vespero evoluu konstanta laborgrupo. Kontaktpersono estas Dirk Kretschmann (tel. 647 16 47).
17.2.: (teatro) Ni diskutu pri aktuala politika temo
24.2.: Ni priparolu informlaboron. Kiel la klubo praktike agadu?
3.3.: (teatro) Lingvaj ludoj.
10.3.: Gerald montros al ni lumbildojn sub la titolo "per Apollo al la spaco".
17.3.: (teatro) Ni diskutu pri aktuala politika temo
24.3.: Ni parolos pri kelkaj problemoj de la "Tria Mondo".
31.3.: Ni informiĝos pri la agado de "Tutmonda Esperantista Junulara Organizo" (TEJO).

---

## Muzika renkontiĝo en la klubejo!

Dum la antaŭpaska semajnfino okazos junulara renkontiĝo por ĉiuj junuloj en la klubejo. De la 10-a ĝis 12-a de aprilo 1981 loĝu kaj muziku tie laŭeble junuloj el multaj diversaj urboj kaj landoj. Chiu kunportu muzikilojn, por ke ni povu muzikante amuziĝi. Sabatnokte okazos freneza diskoteko en la kelo. Varbu kaj venigu!

---

# INFO-ABEND & PROBELEKTION

Di, 20. Januar 1981, 19 Uhr, Klaus-Groth-Str. 95

**Westerland**
*unverkennbar* **Sylt**

# 1.–3. MAI 1981




**Westerland kann man nicht verfehlen.**

**Es ist der Mittelpunkt der Insel Sylt und einfach zu erreichen.**

**Bequem und ohne Streß fährt man mit der Bahn (wenn Sie wollen auch mit dem Autozug) über den Hindenburgdamm und ist schon mittendrin. Oder man fliegt herab aus dem blauen friesischen Himmel, der sich über der Insel wölbt, und landet sanft. Wer will, bekommt schon bei der Anreise einen ersten Kontakt mit der See.**

**Die Autofähre von Dänemark nach Sylt fährt das ganze Jahr.**



**So stimmt schon die Reise in die schöne, klare Landschaft des Nordens ein, auf die Ankunft in dem lebendigen, bunten Urlaubsziel Westerland.**

**Weite und Watt, weiße Wolken und grüne Wiesen, reetgedeckte Dächer, bunte Gärten.**
**Alte Friesenkultur mit moderner Fortsetzung, Beschaulichkeit neben Aktivität, Größe ohne Grobheit, Muße und Muse, Küche und Kultur – all das**

*erwartet uns!*

# Deutscher Esperanto-Kongress

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

---

## INFORMILO 2.81

**HES-klubejo:** Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
**Informilo-redaktado:** Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
**HES-sekretario:** Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
**Konto de HES:** 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

niaj ĵaŭdaj kunvenoj: (klubejo malfermita ekde 19-a horo; programo ekde la 20-a horo)

februaro 1981:
28-a: (sabato): Kostumfesto! Bonvolu veni en amuzaj kaj strangaj vestoj!

marto 1981:
5-a: Werner Bormann raportos pri lingvoscienca renkontiĝo okazinta pasintan novembron en Paderborn ("Werkstattgespräch")
12-a: Johann Eitmann prezentos al ni kelkajn novajn librojn el nia ampleksa biblioteko.
19-a: Ni diskutos pri okazintaĵoj el la pasinta monato.
26-a: Unue okazos membrokunveno (vidu poste)
Eble poste okazos raporto pri junulara karnavala renkontiĝo okazinta en Ramsgate/Britio.

aprilo 1981:
2-a: Luisa Hoffmann informos nin, kio estas la "Kultura Centro Esperantista" en La Chaux-de-Fonds, Svislando.
9-a: Ni progresigos nian lingvan nivelon per plia "paŝo al plena posedo".
16-a: En tiu paska tempo ni havos "ovokunvenon".
23-a: Sub la gvido de Benno Klehr ni diskutos pri kuir-terminaro.
30-a: Gesinjoroj Sudec montros al ni lumbildojn pri Tunizio.

majo 1981:
7-a: Ni aŭdos freŝajn raportojn pri la 59-a Germana Esperanto-Kongreso en Westerland de la 1-a ĝis 3-a de majo 1981 kaj pri la paralela junulara renkontiĝo.
14-a: Gesinjoroj Wielgus montros al ni lumbildojn pri vojaĝo en pasinta somero per ŝipo tra Norvegio kaj ĉefe Svedio.

# HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO – 1980

Regulaj kunvenoj okazis ĉiu-semajne je mardo kaj ĵaudo. Dum la tuta jaro funkciis du diversnivelaj kursoj je mardo-vespero . Kelkfoje post la kursoj okazis junulara programero. Pri la regulaj klubkunvenoj en la ĵaudoj ĉi-sekvanta listo donas superrigardon:

**14-foje Esperanto-kulturaĵo** (en 1979: 16; en 1978: 16):
revuo ‚Monato' (31.1.); paŝo al plena posedo (6.3.&22.4.&10.7.&9.10); semajno de internacia amikeco (21.2.); lokaj Esperanto-grupoj (20.3.); Andersen-fabeloj (10.4.); Ludwig-Zamenhof-Gesellschaft (26.6.); ludoj (31.7.&30.10.); Esperanto-kanzonoj (11.9.); intervjuo kun Höfer (2.10.); vagabonda muziko (27.11.).

**13-foje diskutoj pri ĝeneralaj temoj** (en 1979:9; en 1978: 12):
biciklado (17.1.); matematiko (7.2.); Tria Mondo (13.3. & 28.8.); aktuala problemo (17.4. & 16.10.); stranga germana lingvo (24.4.); jogo (8.5.); Max Liebermann (19.6.); eksterlandaj laboristoj (20.11.); medicina projekto en Liberio (25.9.); mediprotektado (13.11.); scientologio (4.12.).

**7 -foje festoj kaj specialaj aranĝoj** ( en 1979: 7; en 1978: 5)
kostumfesto (23.2.); ce-Ellen-ir-tago (15.5.); prezento „Malfermu la pordon" de Pola Esperanto-teatro (20.5.); renkontiĝo de biciklistoj partoprenontaj karavanon al la junulara kongreso en Finnlando (17.7. - 20.7.); karbrostado de kolbasoj (24.7.); Zamenhof-festo kun prezento de malgrandaj teatrajoj de teatra grupo de HES (13.12.); silvestra balo (31.12.).

**7-foje raportoj pri Esperanto-aranĝoj** (en 1979: 6; en 1978: 5):
Internacia Seminario & Internacia Festivalo en Schloß Schwanberg (10.1.); germana kongreso en Berlin (12.6.); NOGELO-kunveno (3.7.); internacia semajno en Gresillon (7.8.); Universala Kongreso en Stockholm (14.8. & 23.10.); bicikla karavano al Internacia Junulara Kongreso en Rauma (4.9.).

**4-foje raportoj pri vojaĝoj** (en 1979: 7; en 1978: 8):
Italio (27.3. & 29.5.); Basel/Augsburg/Coburg (18.9.); ŝipvojaĝo tra tuta Danubo kaj Nigra Maro (6.11.); Soveta Unio (22.5.).

**1-foje jarĉefkunveno** (en 1979: 1; en 1978: 4):
HES (28.2.)

**4-foje sen speciala programo** (en 1979: 7; en 1978: 3)
3.1.; 3.4.; 21.8.; 18.12. .

---

Krom tio estas menciinda, ke fondiĝis je la 24-a de junio 1980 Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo en Hamburgo kaj partopreno de la junularo en publika ekspozicio „alternativoj en trafiko", kie la Esperanto-junuloj havis la subtemon „vojaĝi per biciklo"

---

## NE PLU EKZISTAS „ESPERANTISTOJ"

Dum la jarĉefkunveno oni interkonsentis, ke la esprimo „esperantistoj" subkomprenigas ian sektecon. Por eviti tiun subkomprenon oni sekve evitu paroli pri „esperantistoj". Pli bone uzu esprimojn kiel „Esperanto-parolantoj" au „Esperanto-amikoj", precipe en la germana lingvo.

# JUNULARA INFORMILO

Kunvenoj okazas ĉiun mardon post la kursoj.
Ambaŭ kursoj (por komencantoj kaj progresintoj) komenciĝas je la 19-a horo kaj daŭras 90 minutojn.

TEATRA GRUPO je la 20-a horo kaj 30 minutoj en jenaj tagoj:

3.3.  17.3.  31.3.  7.4.  21.4.  5.5.

HOMAJ RAJTOJ Kolektiĝis kelk(et)aj intersuloj, kiuj okupiĝas pri la situacio de Homaj Rajtoj en Meksikio. Venonta renkontiĝo estas la 24-a de marto 1981.

Muzika renkontiĝo (legu la ĉi-suban artikolon).
Kiu ŝatas pli da renkontiĝoj - okazas io en Langförden ĉe Vechta de la 13-a ĝis 15-a de marto. Pli da informoj ĉe:
Brigitta Mann, In der Paterei 9, 2848 Vechta 2

## 10. - 12. April 1981: Musiktreffen in Hamburg

Hamburg hat viele Vorzüge. Prospekte preisen da so manches an. Aber ich meine heute schlicht den, das der örtliche Esperanto-Verein ein eigenes Klubhaus besitzt, über das wir am angegebenen Wochenende frei verfügen können unter der Einschränkung, es nach unserem Besuch wieder in den ursprünglichen Zustand zu versetzen.




Das treffen heißt „Musiktreffen", weil ... na? ... richtig! - weil wir dort auch selber Musik machen wollen. Gitarren, Blockflöten und Trommeln haben sich schon fest angemeldet. Kommt nun auch ihr mit euren Geigen, eurem Kintribiß und eurem Konzertpiano.

Am Sonnabend, so heißt in Hamburg der Samstag, wird es eine Fußgänger- und U-Bahn-Rallye durch Hamburg geben, damit ihr auch mal 'ne richtige Großstadt von innen seht (&%=? !).

Wer noch Schwierigkeiten hat, welchen Fleck auf dem Globus Hamburg bedeckt, der orientiere sich an der obigen Karte. Vom Hauptbahnhof aus nimmt dann dann die U-Bahn-Linie 3 (gelb) in Richtung „Billstadt/Merkenstraße" und fährt 2 Stationen bis zum Bahnhof „Burgstraße", wo ein Info hängen wird, wie man die letzten 150 Meter bis zum Klubheim, Klaus-Groth-Str. 95 schafft. Besser noch, ihr meldet euch an; dann kriegt ihr zur Belohnung einen genauen Anti-verirr-plan ins Haus geschickt.

**Adresse: Gerald Roemer, Lutterothstr. 17, 2000 Hamburg 19, tel. 040-4917194**

Wer ganz lieb ist, zahlt vorher auch schon die 2500 Pfennig (=5 5-Mark-Stücke) auf Gerald Postscheckkonto Hamburg 3363 22-206 ein. Dann kriegt ihr auch genug zu Essen. ...und nicht vergessen ..., Schlafmatraze und Luftsack mitbringen!

## HES eldonas lernolibron – pri la jarĉefkunveno je la 12-a de februaro 1981

Ĉeestis tiun kunvenon 25 membroj de HES (en 1979: 37), kiuj dum tri horoj okupiĝis pri raportoj, planoj kaj balotoj.
6 estraranoj denove kandidatiĝis. Thomas Bormann anoncis, ke li ne plu volas esti ano de la estraro, sed tamen plue verki la ‚informilon'. Jenaj 6 personoj estis bloke reelektitaj en la estraron de HES por oficperiodo de 2 jaroj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| prezidanto: | Vesna Staničić | Kattunbleiche 6, 2000 HH 70 | tel. 68 44 35 |
| vicprezidanto, programo: | Luisa Hoffmann, | Jakob-Kaiser-Str, 26, 2050 HH 80 | tel. 721 40 80 |
| sekretario: | Peter Weide | Nordalbingerweg 65, 2000 HH 61 | tel. 551 04 40 |
| kasisto: | Werner Bernhardt | Böge 4B, 2057 Reinbek | tel. 722 51 76 |
| bibliotekisto: | Johann Eitmann | Malerwinkel 2, 2000 HH 52 | tel. ~~890 46 04~~ 8904631 |
| protokolanto: | Benno Klehr | Mendelssohnstr. 9, 2000 HH 50 | tel. 89 82 04 |

Kiel revizoroj estis reelektitaj Frank Lilleike kaj Friedel Sudec.
Ankaŭ la anoj de la konsilantaro estis bloke reelektitaj. Estro estas Frank Lilleike, Marienthaler Str. 163, 2000 Hamburg 26, tel. 200 46 26. Anoj estas Karl-Heinz Hoffmann, Hella Lanka kaj Holm Sörensen. Ankaŭ estis reelektitaj, sed ne ĉeestis: Artur Bormann, Hans Schütt kaj Willi Schulze. Tiuj tri personoj devas ankoraŭ esti demanditaj, ĉu ili akceptas la taskon.

Grava punkto kun vigla diskutado estis altigo de la kotizoj. Fine la kunveno decidis, ke la kotizo, kiun HES ricevas rekte, plialtiĝu de 8 DM al 12 DM por junuloj respektive al 16 DM por plenkreskuloj, kiuj estas pli ol 25 jarojn aĝaj.

En la finaj minutoj de la kunveno la estraro informis, ke Peter Weide tradukis taŭgan lernolibron bone uzebla en kursoj. La libro estis origine verkita en Zagreb, kiu ankaŭ presos la germanlingvan version. HES aĉetos inter 500 kaj 1000 ekzemplerojn por utiligi ilin en niaj kursoj kaj por vendi ĉien, kie oni instruas Esperanton al germanlingvanoj.

---

## Denove membrokunveno

Frank Lilleike, estro de la konsilantaro, informas, ke devos okazi membrokunveno je la 26-a de marto 1981 je la 20-a horo en nia klubejo. La membrokunveno diskutos kaj decidos pri la decido de la estraro de HES eksmembrigi s-inon Elsbeth Bormann.

---

## Keglado

Daŭre funkcias la keglo-klubo!
Oni renkontiĝas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Lübscher Baum", Lübecker Str. 133, 2000 Hamburg 76.
La venontaj datoj estas:

27.2.81 27.3.81 24.4.81 22.5.81 19.6.81

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 3.81

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
HES-sekretario: Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
Konto de HES: 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

niaj ĵaŭdaj kunvenoj: (klubejo malfermita ekde 19-a horo; programo ekde la 20-a horo)

majo 1981:

14-a: Gesinjoroj Wielgus montros al ni lumbildojn pri vojaĝo en somero 1980 per ŝipo tra Norvegio kaj Svedio.

21-a: Hella Lanka montros bildojn pri la ĵus okazinta Germana Esperanto-Kongreso en Westerland.

28-a: Ĉe-Ellen-ir-tago: Ni estu ĉe Ellen Eggers (Minsbekkehre 4, HH-Poppenbüttel) plej malfrue je la 15h30. Se la vetero estos sufiĉe bona, ni renkontiĝos je la 14h30 ĉe la S1-stacio Wellingsbüttel por promeni al Ellen.

junio 1981:

4-a: Gesinjoroj Sudec montros al ni lumbildojn pri Tunizio.

11-a: Peter plu paŝigos partoprenantojn por plena posedo.

18-a: Luisa Hoffmann aŭdigos al ni radio-elsendaĵojn en Esperanto.

25-a: Hella Lanka informos nin pri la NOGELO-tago en Bremen en oktobro ĉi-jare. Poste ŝi raportos pri travivaĵoj spertitaj dum la eklezia kongreso ("Kirchentag").

julio 1981:

2-a: Multajn personojn jam estos en la feriojn. La restantoj ekzercos la uzo de la akuzativon dum tiun vespero.

iam: Edgar Müller-Wend montros al ni lumbildojn pri suda Italio kaj la insulo Capri.

---

Luisa Hoffmann donacis al la klubo kasetofonon kaj 14 kasetojn. Dankon!

---

J U N U L A R A J   K U N V E N O J  kaj kursoj:
ĉiu-marde ekde la 19-a horo. Unue okazas du kursoj, ekde la 20h30 kelkfoje programo. Teatra grupo renkontiĝas ĉiun 1-an kaj 3-an (kaj 5-an) mardon en monato, do: 5.5.;19.5.;2.6. ....

Westerland - kongreso de abolo̊j

Ludwig-Zamenhof-Gesellschaft - laŭ la intenco germanlingva asocio por Esperanto-subtenantoj - fiaskis. La lasta prezidanto, Holm Sörensen, raportis al la membrokunveno, ke la asocio dum la pasintaj jaroj faris plurajn iniciatojn kaj kampanjojn por varbi novajn membrojn. Sed neniam oni rikoltis pli ol 6 membrojn dum iu kampanjo. La nombro de membroj ĉiam restis sub 200, kaj la asocio nur havus eblecon influi publike, se ĝi kalkulus siajn membrojn en miloj aŭ dekmiloj.
Tamen, la gazeto "Esperanto aktuell" iel pluvivos, supozeble kiel parto de nove establota germana Esperanto-gazeto. Tiu gazeto baldaŭ ekaperos sub redaktado de Richard Reuchlin. Ĝi estos 2-monata kaj certe pli ampleksa kaj grafike bela ol la nuna "bulteno", ĉar ĝi ankaŭ devos anstataŭi la revuon "Esperanto", kiunla membrokunveno malabonis por 1982.
Krome malfondiĝis AGEI - Asocio de Germanaj Esperanto-Instruistoj, ĉar al ĝi mankis membroj, specife aktivaj.
La tria malfondiĝo rilatas asocion, kiu fondiĝis en 1975 en Hamburgo. Celo de tiu asocio estis aĉeti domon ie en la kamparo kaj havi "germanan 'Grésillon'". En la plej prospera tempo la asocio jam havis pli ol 50.000 DM. Sed post kiam montriĝis, ke ne eblas kolekti multe pli da mono, multaj membroj decidis repreni siajn akciojn de po 1000 DM kaj per tio subteni aĉeton de Hamburga klubejo, kiu ja iel transprenis la funkcion de tia domo.
Tiu amaso da malfondoj tamen ne signas kreskantan krizon de la germana Esperanto-movado. La restantaj asocioj nun verŝajne pli aktivos. Ekzemple la Germana Esperanto-Instituto aranĝis interesan viglan diskuton pri novaj argumentoj por Esperanto. Sajne ni devas pli sent-eme argumenti. Oni pludiskutos tiun problemaron dum seminario en Herzberg/Harz en decembro 1981.
La estraro de GEA bloke reelektiĝis krom s-ro Heiß, kiu post multjara kunlaboro ne plu kandidatis. Ne nur por rekompensi s-ron Heiß, sed ankaŭ por rekompensi la malfondojn, noveniris la estraron pliaj 5 personoj: d-ro Rudolf Fischer, Münster; instruisto Hellmut Grebe, Bremen; Richard Reuchlin, Mannheim; Hermann Schmid, Augsburg; Werner Wiegand, Kassel.
Fine necesas ankoraŭ rimarki, ke la 150 partoprenintoj spertis agrablan informivan kongreson, kiu estis multe pli bona ol la pasintjara en Berlino. Por 1982 atendas nin ankaŭ certe interesa kongreso. Münster invitas por pentekosto (28. - 31.5.82). Belega informilo estas havebla ĉe: Brandenburg, Brinker Damm 24, 4404 Telgte.

## Landa Ligo Hamburg oficiale agnoskita

La Hamburga Esperanto-Junulara Klubo estas oficiale agnoskita kiel Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo. La urba instanco tion decidis je la 16-a de marto 1981. Rezulte el tio la Hamburgaj junuloj nun povas peti subvenciojn de la urbo. Germana Esperanto-Junularo bezonas ankoraŭ pliajn landajn ligojn (Hamburg estas la unua) por daŭre ricevi la gravajn subvenciojn.

## NOGELO-tago en Bremen

De la 2-a ĝis 4-a de oktobro 1981 okazos NOGELO-kunveno en la proksima urbo Bremen. La programo inter alie antaŭvidas "esplor-promenadon", urbrondveturadon, lingvajn ekzamenojn, diskuton pri argumentado por Esperanto. Aliĝilo havebla ĉe: H.-Dieter Hartig, Kasseler Str.76, 2800 Bremen 1; Tel. 0421-35 33 39.

## Muzika renkontiĝo en nia klubejo - 25 junuloj partoprenis

La programo estis sufiĉe plena: Post interkonatiĝo en la unua vespero kaj iom da spontanea muzikumado oni sternis la matracojn en la klubejo. Sabate okazis raleo per subtera fervojo por ekkoni la urbon, "kafo kaj kuko ĝissate" sur la televida turo, promeno kaj ludoj en Planten un Blomen. Nokte kelkaj rigardis St. Pauli kaj matene kelkaj vizitis la plenan fiŝmerkaton. Antaŭtagmeze oni naĝis en la "naĝoperejo" kaj posttagmeze okazis vizito al Elbe. Tamen, ĉar ne estis devigo partopreni ĉion, la renkontiĝo estis agrable ripoziga.

## Homaj Rajtoj en Meksikio

La Hamburga grupo de "Esperanto-laborrondo por Homaj Rajtoj" eldonis informoriĉan informilon pri Meksikio kun speciala pritrakto de la Homaj Rajtoj tie. La informilo inter alie servu kiel preparmaterialo por vizitantoj de la Internacia Junulara Kongreso en Meksikio en julio 1981.

## Membrokunveno de 26-a de marto

Pro la eksmembriĝo de s-ino Elsbeth Bormann la estraro reprenis sian decidon pri eksmembriĝo kaj sekve ne okazis tiu membrokunveno. Anstataŭe la 30 ĉeestintoj pridiskutis tiun malagrablan okazintaĵon.

## Keglado

en gastejo "Lübscher Baum", Lübecker Str. 133, HH 76.
Datoj: 22.5.81 19.6.81 17.7.81 14.8.81 11.9.81

## Nostalgia paĝo

el nia informilo 6/53 pri la programo en junio 1953:

"La 11an sa-ino Gretel Zerbe pri la kastelo Schwöbber
la 18an sa-no Wolo Gültling: Kial mi elmigras al Kanadujo?"

el raporto pri la aktivecoj en 1952:

"4.12.1952: S-ro Wolo Gültling faris paroladon pri la sociala pozicio de la virino en Indonezio. Ni kolektis en nia rondo monon por pakaĵo al la ruza zono. Oni kolektis 25,80 kaj s-ro Wielgus faras la necesan."

**34. DEUTSCHER ESPERANTO-KONGRESS**

**34a GERMANA ESPERANTO-KONGRESO**

*Hamburg, 19.-21. Mai 1956*

Loka Kongresa Komitato:
Heinrich Wielgus, prezidanto
Hans Schütt, vicprezidanto
Felix Epstein, sekretario
Oskar Peters, kasisto
Heinrich Wilkens, vickasisto
Hella Lanka, loĝigado
Walter Behrmann
Karl-Heinz Flemming
Emil Markau

Kongresejo:
"Curio-Haus", Rothenbaumchaussee 13, atingebla per tramlinioj 2,3,9,16,18 aŭ per urbfervojo.
En la programo estis:
urbrondveturado: 2,50 DM
ŝipe al Cuxhaven: 8 DM
buse al Travemünde: 7,50 DM

Ĉefa aranĝo estis la jubilea festkunsido pro la 50-jariĝo de GEA, okazinta en la dimanĉa antaŭtagmezo:
"Die Himmel rühmen des Ewigen Ehre", virina koruso de la Hamburga Esperanto-Societo, gvido: Emil Markau.
festparolado de s-ro Friedrich Kraus: "La forigo de la lingvaj bariloj per Esperanto".

---

DENOVE PRI 1981:
Willi Schulze momente kuracferias en Bad Segeberg. Se vi volas skribi al li aŭ telefoni - jen la adreso: W. Schulze, Rehabilitationszentrum, Kurpark, 2360 Bad Segeberg, Tel. 04551-8541 (aparato 450; telefonu inter 12 & 14, 19 &22-a horo!)

E S P E R A N T O - T r e f f e n

in H A M B U R G

im S e p t e m b e r 1983

Der "Arbeitskreis Internationale Sprache Esperanto aus Angehörigen der hamburgischen Verwaltung lädt ein vom 23. bis 25. September 1983 zum 3. Wochenend-Seminar des Deutschen Esperanto-Institutes über Sprachprüfungen und Anforderungen von Volkshochschulen.
Außerdem wird zum Norddeutschen Esperanto-Liga-Tag am Sonnabend, d. 24. Sept. 1983, 14.00 Uhr, herzlich eingeladen.
Wir machen auch eine Führung durch die Hamburger Grünanlagen, zum Hafen und zum Unterhaltungsabend im Esperanto-Haus Hamburg.

\- - -

Hamburgo, la 6-an de Majo 1983

Nordgermana Esperanto-Ligo (NOGELO)
per Adr.: Hella L a n k a , Tel. 040 / 892407 (Tel.Anrufbeantworter)
Grünewaldstr. 2, D 2000 Hamburg 52;

Aŭtuna kunveno de 1983 en Hamburgo

Ni kore invitas la membrojn de Germana Esperanto-Asocio en la kvar federaciaj landoj de Nordgermanujo kaj ĉiujn interesulojn al nia jarkunveno, sabaton la 24an de Septembro 1983, je la 14a horo, al Hamburg 36, Holstenwall-Anlagen, Teehaus, Altentagesstätte; Holstenwall 11;

tagordo:
1) salutojn, protokolo de la pasinta NOGELO-kunveno en Herzberg 1982;
2) raportoj de la 4 federaciaj landoj pri faritaj laboroj kaj planoj;
3) preparstato federacilandaj ligoj;
4) planoj 1984; kongresoj 84 / 85; skribaj proponoj;
5) diversaĵoj.

Skribajn proponojn bv. sendi ĝis la 1a de Sept.1983 al Hella Lanka.

\- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Frist: 1. Aug .1983

A n m e l d u n g

(bitte abtrennen u.an H.Lanka senden)

N a m e : ...................... Vorname:..............................

Straße: ...............................Tel...............................

PLZ/Ort:.................................................................

Hiermit melde ich mich / und zusätzlich Herrn/Frau..................
für den NOGELO-Tag am 24.9.83 und für das 3. Wochenend-Seminar vom 23. - 25.9.83 in Hamburg an. Den Teilnahmebeitrag von DM 15.-, pro Person, Ehepaar: DM 20.-, Jugendliche: DM 3.-, überweise ich mit der Anmeldung gleichzeitig bis zum 1.8.83 auf das Postscheckkonto Hamburg Nr. 11 96 40 - 209 - Hella Lanka, Hamburg 52, Grünewaldstr. 2.

Datum: ................ ..............................
Unterschrift:

(bitte wenden!)

An diesem Esperanto-Wochenende in Hamburg v. 23. - 25.9.83 soll nicht nur getagt und gearbeitet werden!

1) Inmitten eines großen Parks der Wallanlagen haben wir ein ganzes Haus für uns allein. Schon der Ausblick in den schönen Park ist ein Genuß - wieviel mehr erst ein Kurzspaziergang in den Konferenzpausen!

2) Wir bieten in diesem Hause Imbißmöglichkeiten und Getränke. Vor und besonders nach den Arbeitssitzungen können wir gemütlich zusammensitzen und uns unterhalten.

3) Am Sonnabend nachmittag (24.9.) machen wir gemeinsam einen Stadtspaziergang durch die grünen Wallanlagen zur St. Michaeliskirche (Wahrzeichen Hamburgs "Michel" 132 m hoch) - zu den Alt-Hamburger Bauwerken "Krameramtshäuser" - zum Berg "Stintfang" mit der Jugendherberge, Wetterwarte - Blick über den Hafen, St.Pauli-Landungsbrücken - an der weltbekannten Polizei-Davidswache vorbei - die Reeperbahn entlang - mit der U-Bahn nach Hamm zum Esperanto-Klubhaus("U-Bf. Burgstr.".

4) Ab 18.00 Uhr erwartet uns der Hamburger Esperanto-Klub in der Klaus Groth-Str. 95 im eigenen Klubhaus mit Getränken, Abendessen und Unterhaltungsprogramm.

5) Nachtschwärmer und ihre Begleiter werden sich den St.Pauli-Bummel nicht entgehen lassen, angelockt durch die buntschillernde Lichterreklame der"Reeperbahn"und"Großen Freiheit".

6) Näheres über ein J u g e n d t r e f f e n der Deutschen Esperanto-Jugend finden Sie auf der letzten Seite.

7) Die einzelnen Programmpunkte, Referenten und Themen finden Sie auf Seite 3 dieser Einladung zum 3. Esperanto-Wochenendseminar

---

(bitte an H.Lanka senden) **aliĝilo / Anmeldung** (siehe auch Rückseite) Frist: 1. Aug.1983 (bitte abtrennen)

Falls Sie die Übernachtung nicht selbst regeln (z.B.DB-Städte-Tour, Bekannte Jugendherberge Stintfang DM 9.- inkl.Frühstück)(Pasporta Servo), sind wir zur Vermittlung v. Hotelzimmern od. Pensionen bereit. Bitte geben Sie Ihre Übernachtungswünsche an: v.23.-25.9.83 = ....Nächte:

A) Hotel am Holstenwall (direkt gegenüber v.Tagungsort)

.....Einzelzimmer DM 51.- ohne Dusche / DM 60.- mit Dusche (inkl.Frühst.)
.....Doppelzimmer DM 85.- " " / " 98.- " " " "

B) Pensionszimmer (30 Min.Fußweg) ....Einzelzi.o.D.DM 35.- /DM 45.- m.Dusche
(inkl.Frühst. alle Preise) ....Doppelzi.o.D." 55.- /" 70.- " "

C) Esperanto-Klubhaus (sehr einfach auf Couch)....Pers. à DM 8.- (m.Frühst.)

Gemeinsames Mittagessen am Sbd.,d.24.9.83 , Rest.Holstenwall, 3 versch.Menus,
Ich nehme am Mittagessen à 15.- bis DM 20.- (3 Gänge) teil / nicht teil.
.......Anzahl der am Mittagessen teilnehmenden Personen.

Name:.................. Vorname:................. Datum:.........

